Jaro 11 Aŭgusto 1959 N-ro 6



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE I. F. E. F.
LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA
Sekretariejo : Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



La IFEF-estraro kaj delegitoj ĉe la fervoja direkcio en Linz

## Protokolo pri la laborkunsidoj dum la 11a kongreso en Linz.

**Unua laborkunsido:**

Antaŭ tre kontentiga ĉeestantaro, la prezidanto de IFEF, K. G. J. de Jong malfermis la unuan laborkunsidon, je la 9h. 25 salutante ĉiujn kaj dankante la L.K.K.-anojn pro la granda kaj sukcesplena laboro farita.

Por honori la memoron de S-ro W. Namors, prezidanto de la Linza LKK kaj de la kolegoj, kiuj mortis dum la lasta jaro, la prezidanto petas ekstari por unuminuta silento.

La prez. dankas ĉiujn samideanojn, kiuj malavare laboras por nia afero kaj inter ili speciale nian sekretarion J. Lok kaj la kolegojn Blondeaux kaj Ritterspach (terminaro). IFEF nun havas preskaŭ 2100 membrojn en 16 landoj kaj izoluloj en 10 aliaj landoj. Post anonco de atingitaj sukcesoj, interalie: la fervoja oficejo kun deĵorantaj kolegoj dum la tuta UEA-kongreso en Mainz (ĉio pagita de la Federacia Germana Fervojo), la prez. finis sian paroladon rememorigante la unuan internacian renkontiĝon en Vieno antaŭ 11 jaroj, organizitan de nia nun emerita kolego Zink.

Ekster la tagordo sekvis tre amika okazaĵo: Kol. Lok, petante la parolon, diras, ka dum la dua kongreso en Salzburgo, nia amiko de Jong fariĝis la redaktoro de nia gazeto kaj realigis ĝian eldonon al ĉiuj membroj. Okaze de tiu dekjara datreveno kaj kiel danko de ĉiuj pro la gravaj sukcesoj sur tiu ĉi tereno, bindita kolekto de nia IFEF-Bulteno en la konata formato estas al li oferita. Ankaŭ la nuna redaktoro H. Hoen, kiu tiom helpis sian antaŭulon ricevis la saman donacon. S-ano Zoratti (Italio) oferis nome de ĉiuj metalan ellaboraĵon al la prez. (6 rozoj) mane faritaj de li. Ko. Giessner (Germanio) transdonis por IFEF, nome de „Esperanto-Filmo-Germanujo" novan gramafondiskon. Kortuŝite la prezidanto dankas ĉiujn tutkore.

**2a tagorda punkto-** estis decidite elekti por ĉiu laborkunsido apartan protokoliston.

3.-/ La sekretario Lok voĉlegas la ricevitajn salutletorojn kaj telegramojn multnombrajn, inter ili: de la Prez. de UEA, de LKK de la 44a U.K. en Varsovio, Heroldo, Brita IFEF-sekcio, Aŭstralia IFEF-sekcio, ktp. Poste venis kelkaj salutoj, kiuj ne povis okazi dum la solena malfermo: Kol. Giessner salutis nome de la Germana Sociala Organizo, Kovaciĉ nome de la Aŭstria Sindikato kaj S-ro Tschom nome de la Aŭstria sekcio de FISAIC.

4.-/ La kongresraporto el Aarhus okazigis nur unu rimarkigon de nia kolego Giessner kaj estis aprobata.

5.-/ Pritrakto de la jarraportoj.

a) Pri la sekretaria raporto neniu petas la parolon. La prezidanto estas tre kontenta pri la progresoj de IFEF, la raporto estas akceptita.

b) La kasista raporto: Giessner (Germanio) rimarkigas, ke la elspezoj por la Bulteno estas pli grandaj ol la kotizenspezoj; la prez. respondas, ke estas la

konsekvenco de la novprezentita pli bela Bulteno, tiu fakto ne plu ekzistos en la budĝeto 1959 sed laŭ la stato de la kaso, la nuna prezentado de la Bulteno estas la plej bona, kiun oni povos postuli.

Olsson (Svedujo) deklaras ke en lia lando oni allogis subtenantajn membrojn, kiuj pagas kaj nenion postulas. Kun gratuloj kaj aplaŭdoj al la kasisto la raporto estas akceptita.

c) Redaktora raporto: Kol. Giessner kritikas la elekton de la jugoslava propono, nomi nian Bultenon „La Internacia Fervojisto" kaj ne aprobas tiun parton de la raporto. La redaktoro respondas ke, ĉar oni absolute volis aperigi la Bultenon kun nova formato kaj pli bela aspekto, okaze de la deka datreveno kaj oni volis bindigi la jam aperintajn numerojn, la estraro ne povis atendi la kongreson por elekti definitivan titolon kaj opiniis la titolon almenaŭ provizore konvena.

Kol. De Bruyne (Belgujo) aprobas la novan Bultenon kaj la redaktoran raporton. La raporto estas akceptita.

**6. Pritrakto de la kongresproponoj:** La prez. petas denove, ke la proponoj estu sendataj al la estraro antaŭ la 1a de Januaro. Proponoj alportitaj dum la kongreso ne povas esti akceptataj.

**Propono 1.** De la IFEF-estraro: „La kotizo restu la sama."

Kol. Walder (Svisujo) ĝojas, ke la kotizo ne plialtiĝos sed dezirus, ke dum la Zamenhofa jaro oni ne prezentu „profiton" en la budĝeto kaj uzu tiun sumon por la propagando.

La prez. aprobas kaj la estraro esploros kiamaniere ĝi povas agi por partopreni al la elspezoj de UEA. La landaj sekcioj agu aparte.

Olsson (Svedujo) diras, ke dum la Zamenhofa jaro la fervojistoj devas helpi la ĝeneralan movadon kaj admonas al ili aliĝi al UEA aŭ SAT.

Giessner (Germanujo) subtenas la vortojn de Olsson sed opinias ke ni devas koncentri niajn fortojn en la plej forta Asocio: UEA,sed ĉiu restu libera. IFEF ne devas uzi la profiton por propagando sed gardi ĝin okaze de provizora malbona stato.

De Bruyne (Belgujo) aprobas proponon 1an sed opinias, ke IFEF ne sufiĉe kunlaboras kun la internaciaj instancoj: UEA, SAT, UIC.

La sekr. Lok: IFEF estas faksekcio de UEA kaj subtenanta organizaĵo de SAT kaj pagas por tio kotizon, sed ĉar la kaso jam ne povas helpi al la terminara komitato kaj la vojaĝanta ekspozicio estas konsilinde gardi nian monon por ni mem.

Walder (Svisujo) diras, ke oni miskomprenis lin; li ne postulis ke oni donu monon al UEA sed nur ke oni ŝanĝu la tekston en la budĝeto: anstataŭ „Profita saldo" oni skribu „Propagando".

Post parolo de la germana, jugoslava kaj dana delegitoj la prez. resumas la diskutojn kaj respondas al ĉiuj parolintoj. La estraro devas prepari budĝeton

sed la mono venas nur poste. Dum la balo ni kolektos monon kaj ĝin sendos al la Internacia Komitato de la Zamenhofa jaro sed ne al UEA aŭ SAT.
La propono la estas akceptita, neniu delegito estas kontraŭ.

**Propono 2a.** La IFEF-estraro, laŭ la sugesto de la Aarhusa kongreso, proponas, ke ni aldonu al la IFEF-regularo, art. 16: „Redaktora Komitato" konsistanta el la redaktoroj de la landaj sekcioj kaj la IFEF-redaktoro.
Braendstrup (Danio) proponas aldoni: „aŭ anstataŭontojn de la redaktoroj"
Sekereŝ (Jugoslavio) aprobas la proponon de Danio kaj deziras fari enketon por regularo pri la redaktora komitato (kompetenteco de tiu komitato).
La bulgara delegito diras, ke ĉio farita de la diversaj komitatoj devas esti aprobata de la estraro.
Prez. opinias, ke la redaktoro povas komisii anstataŭanton nemenciite en la regularo kaj proponas ke oni atendu akiri iom da sperto pri la funkciado de la redaktora komitato, sed ne tro ampliksigu la regularon.
Kol. Ritterspach (Germanujo) faras demandon pri „kompetenteco". Kol. Giessner (Germanujo) aprobas la respondon de la Prez pri anstataŭanto kaj la demandon de Kol. Ritterspach. Braendstrup (Danio) persistas ĉe sia propono: aldoni „anstataŭanto".
Sekereŝ (Jugoslavio) prenas kiel limdaton, la fino de tiu jaro kaj faros proponon por la venontjara kongreso kaj klarigas sian vidpunkton pri „kompetenteco". Ĉar estas 11h. 50 la Prez. proponas daŭrigi la diskutojn posttagmeze je la 14h. precize. Post ĝenerala aprobo, li fermas la unuan laborkunsidon.

**Dua laborkunsido:**

Daŭrigante la proponon pri la redaktora komitato, la IFEF-redaktoro diras, ke la redaktora komitato estas vera komitato kaj ne komisiono, kiel li aŭdis, ĉiu redaktoro havas la rajton decidi pri la agoj.
La Prez. diras, ke la redaktoroj ne havas kompetentecon aŭ decidrajton koncerne ĝeneralajn IFEF-aferojn. La redaktora komitato kunvenu dum la kongreso antaŭ la estrar- kaj delegita kunveno kaj la laborkunsidoj, por ke la komitato eventuale povu doni sugestojn priparolitajn en la laborkunsidoj. Ni havas do redaktoran komitaton, konsistanta el la redaktoroj de ĉefestraro kaj landaj sekcioj. La propono poste estas akceptita.

**Propono 3a:** „La kongresinsigno 1959 fariĝu la oficiala IFEF-insigno."
S-ro Tschom rekomendas la proponon de Aŭstrio per kelkaj vortoj kaj klarigoj. La Prez. opinias la insignon bela sed rimarkigoj pri tio li volonte aŭdas. Kol. De Bruyne (Belgio) opinias, ke komuna insigno montras al ĉiuj la forton de IFEF. La nova insigno aspektas pli bela ol li antaŭe vidis en la organo. Braendstrup (Danio) diras, ke oni povos rekoni la gekolegojn, anstataŭ la normala stelo, ĝi tuj atentigas pri nia faka sekcio. La stelo ankaŭ ĉe ni estas la plej grava punkto.

Eykenaar proponas la antaŭmilitan insignon sed la Prez. interrompe diras. ke temas nur pri la Aŭstria insigno laŭ la propono.
Kol. Giessner (Germanio) opiniante la insignon bela precipe interpretas la opinion de GEFA, ke la stelo estu la centrala punkto. GEFA ne deziras specialan insignon. Gimelli (Italio) diras, ke ĝi estas vere fervojista insigno. J. Labordus (Nederlando): kvankam oni volonte portas la landan insignon tamen akceptas la proponon, kiu poste estas akceptita per 15 voĉdonoj por, 6 kontraŭ kaj 11 sindetenoj.

**La 4a propono:** S-ro Giessner post la laŭtlegado de la komentaric diras, ke la propono enhavas la intencon instigi ĉe la fervojoj la uzadon de nia internacia lingvo. Al S-ro De Bruyne (Belgio) ne plaĉas la propono. En Belgio oni faros 3 filmojn en Esperanto pri la provinco en kiu Bruselo situas. Kol. Coyac (Francio) rakontas, ke oni ankaŭ en Francio petis eldoni faldfoliojn en Esperanto al la Direkcio, tamen vane. Ni admiras la sukceson en Germanio de GEFA. J. Labordus (Ned-lando) jam antaŭ kelkaj jaroj klopodis enpresigi esperantan tekston en la horaro kaj realigi la eldonon de flugfolioj sed la Direkcio rifuzis. S-ro Greutert (Svisio) ne povas akcepti ĝin kiel proponon sed kiel konsilon. **La Bulgara delegito** volas demandi la bulgaran administracion pri tiu afero.
F-ino Lipiĉar (Jugoslavio) sciigas, ke JAFE petis la samon kaj la Direkcio aprobis tion. La Esperanta teksto venos en la horaro same kiel la franca. Kol. Braendstrup (Danio) atentigas, ke en Danlando tri faldfolioj aperis en Esperanto kaj kelkfoje ni klopodis akiri la Esp-tekston en la horaro. Antaŭ kelkaj monatoj DEFA ensendis ĝin al la Direkcio.
S-ro Tschom (Aŭstrio) diras, ke responde al la peto la Direkcio respondis, ke la diversaj lingvoj ne plu povas esti kompligataj. Ni **esperas,** ke en 1960 la esperanta teksto aperu en la horaro.
S-ro Giessner petas forstreki la vorton „devigu" en la propono, kio kaŭzis ĝenerale kritikon en la diskutoj, tio estas eraro. La danĝero ne estas tiom granda kiom ŝajnis ĉar tri landoj, krom Germanio, jam havas sukceson. Ni ankaŭ modeste komencis. La krompago por konduktoroj por la scio de fremdaj lingvoj, rilate al Esperanto ne sukcesis, eble post 4 jaroj.
La Prez. resumis, ke Jugoslavio kaj Aŭstrio havis sukceson. La propono estas reprenita.

**Propono 5a:** „La titolo de nia organo".
S-ro Giessner komentas la proponon. La redaktoro Hoen opinias nerekomendinde denove ŝanĝi la nomon. Nia Bulteno dum dek jaroj plenumis sian taskon kiel Bulteno por la landaj anoj sed nun ĝi estas gazeto. Li mem elektis la titolon kaj la estraro akceptis ĝin. Eble la titolo nur estas provizora sed ni ne jam ŝanĝu ĝin nun ĉar espereble ankaŭ sub la nova titolo nia organo havu

baldaŭ la saman famon en la mondo, kian rikoltis Bulteno. Per la vorto „Fervojisto" esprimiĝas, ke ni estas fervojistoj, en neniu lingvo estas la vorto, sekve nur IFEF povas havi la nomon „Internacia Fervojisto". Krom tio eventuala ŝanĝo kostos denove monon por kliŝo.

Kol. De Bruyne (Belgio) substrekas la lastan motivon de la redaktoro kaj la titolo ŝajnas al li bona kaj taŭga. La kongreso tamen decidu.

Sekereŝ (Jugoslavio) opinias la ŝanĝon de la titolo nenecesa, en multaj landoj ekzistas „Fervojisto" sed ne „Internacia Fervojisto". Ĉu ĝis estas organo aŭ faka revuo? En la unua kazo la titolo estas bona.

S-ro Barnickel rimarkigas, ke ĝi regule atentigas la vivon de la esperantistoj en la faka revuo. Al Kol. Greutert (Svisio) plaĉas la titolo kaj por ŝanĝi ĝin ne estas motivo. La Prez. opinias la aferon ne tre grava, ŝanĝo ja kostas monon se oni deziras novan kapon. Kial ni ne povu konservi ĝin provizore por ke ni ankaŭ povu bindigi nian organon en tiu formato? Pripensu bone, kion vi volas! Ĉar nur la Germana kaj Dana sekcioj estis por, la propono estas malakceptita.

Nun S-ro Kovacic informas la IFEF-anojn, ke tiuj, kiuj havas intereson skribi artikolojn por la Aŭstria sindikata gazeto „Der Eisenbahner", sendu ĝin al S-ro Kovacic. Li kolektas kaj tradukas tiujn artikolojn kaj enpresigos ilin en la sindikata organo. Por ĉiu artikolo la redakcio pagos certan sumon al la Aŭstria sekcio, kiu sumos post regula kunlaboro proksimume 400 ŝilingojn jare, transdonata al IFEF por la „Internacia Fervojisto".

La Prez. diras: tio estas tre grava afero kaj prezentiĝas bona okazo kontribui al nia IFEF-organo. Li varme rekomendas ensendi artikolojn por ke ni gajnu terenon.

**Propono 6a:** La Prez. klarigas artikolon 16an kaj la propono de la svisa sekcio ŝajnis al li bona, ĝi havis tiam brilan sukceson kun la tiama fakprelego pri la edukado de la lokomotivistoj.

S-ro Giessner komentis nun la proponon de GEFA kaj rekomendas alian metodon, ekzemple: Oni verku en la gastigonta lando fakprelegon en la nacia lingvo pri ia faktemo, 1e. ĝi estu tradukata en Esperanton kaj 2e. preparata por prelego. De Bruyne (Belgio) ĝenerale povas akcepti la proponon kaj rekomendas, ke punkto b) estu komplete akceptata. Ŝajnas al li plej bone, ke oni interkontaktu kun sindikato. Li ne ĉiam preferas teknikan prelegon kaj la teksto sub c) li ne volonte akceptas pro la kostoj por la organizanta lando. S-ro Walder (Svisio) esprimas sin por plialtigo de la valoro de fakaj kongresoj, en kiu, laŭ sia opinio, la plej grava parto estas la fakaj prelegoj. Same kiel la Prez. li mencias la sukceson per disvendado de 300 ekzempleroj pri la tradukita fakprelego „La edukado de la lokomotivistoj".
Li ne volas diskuti pri temo kaj rekomendas modestecon. En ĉiu lando estas homo, kiu estas kapabla prelegi. La prelego daŭru 12 minutojn. Tri personoj

kunlaboru; unu el la estraro, unu el la LKK kaj unu el la pasintjara LKK, tio ĉi nepre plialtigos la kulturan nivelon de la prelegoj.
S-ro Coyac (Francio) konsentas kun Kol. Walder, la propono ŝajnas al li bona. La Prez. fermas la duan laborkunsidon.

**La Tria Laborkunsido:**

Post la malfermo la Prez. proponas elekti komitaton, kiu preparu la fakprelegojn. Tiu komitato estu konstanta kaj konsistu el kelkaj eminentuloj sur tiu ĉi tereno. La kongreso elektis Kolegojn: O. Walder (Svisio), Giessner (Germanio) kaj Sekereŝ (Jugoslavio), laŭ deziresprimo la kongreso elektis por la komitato ankaŭ la kolegojn: Turbellier kaj Burger el Francio kaj Aŭstrio. La tasko de la komitato estas prepari la fakprelegojn kaj elpruvi diversajn metodojn. La propono estas akceptata.

**Punkto 7a de la tagordo:** Pro pensiumiĝo de la sekretario la situacio en la estraro grave ŝanĝiĝis, kiun punkton oni ankaŭ pritraktis en la delegitar- kaj estrarkunveno. La sekr. klarigas la malfacilaĵojn, kiujn kaŭzos la laboro aktiva ĉe la fervojoj, estas nur pro tio, ke li petis sian demision. Li estas preta daŭrigi la laboron laŭ la diversaj sugestoj kaj proponoj en la estrarkunveno por ke la dua sekretario havu okazon perfektiĝi en la administracia laboro. La akcepto de la funkcio validas provizore por unu jaro.

**Punkto 8a:** Sen diskutoj la estraro estas reelektata.

**Punkto 9a:** Laŭregulare S-ro van Leeuwen eksiĝis kiel kaskontrolanta kaj la kongreso elektis S-ron J. Vermaak kiel anstataŭanton, pro kio la kaskontrola komitato konsistas el la S-roj V. d. Berg, Stapel kaj Vermaak.

**Punkto 10a:** La konfliktkomitato estas sen ŝanĝoj reelektata, ĝi konsistas el Fr. Hartjen (Germanio), W. Bouwkamp (Nederlando), kaj Thorsted (Danlando).

**Punkto 11a:** La Finlanda delegito, Koivu, nome de SFEF oficiale invitas la 12an kongreson de IFEF al Helsinki kaj la kongresdato estu 11 - 18a de junio 1960. La Prez. tutkore dankas la finlandajn kolegojn pro la afabla invito esprimante la deziron, ke ankaŭ tiu kongreso estu sukcesplena en la jam longa vico. Pri la provizora kongresurbo en 1961 la prez. turnas sin al la Hispana delegito, Gimené, kiu nun invitas la 13an kongreson al Barcelona. Ambaŭ invitoj estas kun laŭta aplaŭdado akceptitaj.

**Libera diskutado:**

La redaktoro Hoen proponas, ke la aliĝilo estontece estu pli granda kaj donu eblecon por anonci geedzo-parojn sur unu aliĝilo. Li ankaŭ rekomendas la presadon de la aliĝiloj en Nederlando por ŝpari kostojn.
S-ro Tschom rekomendas la nunan poŝformatan kongreslibron por la venontaj kongresoj. F-ino G. Lemonnier plendis pri la koresponda servo, ŝi petis 11 adresojn por siaj lernantoj kaj ricevis nur unu.

La prez. respondas al F-ino Lemonnier, ke kolego Biesheuvel ne disponis pri pli da adresoj.
Kol. De Bruyne (Belgio) jam invitas la kongreson en 1962 al Bruselo, kie oni jam komencis priparoli la preparon.
Kol. Backay (Hungario) ricevis telegramon de la trafikministro por inviti la kongreson en 1962 al Budapesto.
Kolego Sekereŝ denove instigis sendi la jarraportojn sufiĉe frue, krome estus pli bone sendi 4 delegitojn al la kongreso ĉar la tempo mankas por unu persono por ĉiom da laboro. Ekzemple por ĉiu kunsido unu delegito.
La Prez. K. G. J. de Jong resumis la kongresdecidojn, dankis ĉiujn pro la laboremo dum la kongreso kaj instigis la ĉeestantojn daŭrigi la laborojn kun sama favoro kaj entuziasmo.
Ĝis la revido en Helsinki! Per tiuj ĉi vortoj la prezidanto fermis la laborkunsidojn.

Protokolis: Chappellier/Poptie.

## EKSKURSO AL LA ĈEFRIPAREJO KAJ VÖEST

Estis pli ol 100 gekongresanoj, kiuj kolektiĝis merkredmatene (13-5) ĉe la pordego de la fervoja ĉefriparejo en Linz, la sola por elektraj lokomotivoj en Aŭstrio. Tre, preskaŭ tro detale, ni aŭdis de kompetentulo klarigojn pri la organiza sistemo de la sekcioj, sed poste kaptis nian atenton la konsterniga amaso da partoj kaj partetoj de malmuntitaj elektraj lokomotivoj. Ni vidis la fortajn ĉasi-framojn, la boĝiojn kun komplika oleprema brems-sistemo por la pivotlagro, la pelradojn kun risortpot-kluĉiloj, la rotorojn de la elektromotoroj ĉiugrandaj, kiujn oni bandaĝis por enteni la volvaĵojn dum la rapida rotacio, kaj mil aliajn detalojn, kiuj ope mencii ĉi tie estas neeble. Neniu el ni pridubis ke la granda nombro de lokomotiv-tipoj necesigas apartan postenon sole por zorgi, ke ĉiuj partoj post riparo diversloka revenas ĝustadate al la munthalo por konsistigi denove kompletan lokomotivon. Kun kapturniĝo pro ĉio vidita ni iris al tri atendantaj aŭtobusoj, ĉar VÖEST estis la ĉefa celo de tiu duontaga ekskurso.

Juna gvidanto de la fabrikpolico akceptis nin ĉe la pordego de la uzino, kies nomo VÖEST signifas „unuigitaj aŭstraj fer- kaj ŝtal-uzinoj". Li avertis nin pri la granda danĝero ĉirkaŭonta nin ĉie kaj kondukis nin unue al energicentro. Tie ni eksciis, ke VÖEST mem produktas el karbo la koakson, kiu necesas por gisi la ercon en la altfornoj. Dum tiu procedo estiĝas, krom aliaj produktoj, multe da gaso kiun oni bruligas en la elektro-generatoroj por produkti kurenton. Tiujn gigantajn, duetaĝajn generatorojn ni vidis — kaj aŭdis — ni iris al la erc kaj karbohaveno, kie diversnaciaj ŝipoj atendis, kaj kie la fabriko ensuĉas dum 10 horoj la saman kvanton da akvo el la Danubo, kiom la milionurbo Vieno konsumas dum unu tago. Poste venis por ni unika travivaĵo: el nur kvinmetra distanco ni vidis la fajre fluidan feron eliĝantan malsupre ĉe unu el la kvin altfornegoj. Poste ni iris — ĉiam inter

du flavaj linioj sur la planko — al ŝtalfarejo, kie laŭ tri procedoj (Siemens-Martin, Elektro-forno kaj Linz-Donau-Procedo) estiĝas ŝtalo el la freŝfandita fero per redukto de ĝia karbon-en-havo kaj diversaj aldonoj. La ruĝardajn ŝtalblokojn ni sekvis al la laminatejo, observante kiel ili pli kaj pli maldikiĝis inter la senkompate premantaj ŝtalcilindroj, ĝis fine rapidege kaj tondre eliĝis larĝaj, maldikaj ladoj, ŝpruce malvarmigataj. Plene saturitaj je novaj impresoj ni forlasis tiun fabrikegon post abunda tagmanĝo en la kantino.

Ritterspach.

## TROVITA FOTO-APARATO.

Tiu, kiu postlasis sian foto-aparaton en la ekskursa trajno al Bad Ischl, povas ĝin ricevi, kontraŭ pago de la afrankkostoj, de s-ro Walter Ulrich, Bundesbahndirektion Linz, Abt. III, Bahnhofstrasse 3, Linz.

Bonvolu detale priskribi la aparaton.

## NI KONDOLENCAS.

La 13-an de aprilo mortis neatendite nia longjara kaj tre fervora IFEF-membro s-ideano Franz Maruschek.

La estraro de sekcio Aŭstrio.

## PROTOKOLO PRI LA KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATO.

La gvidanto de la TK, s-ro Ritterspach, malfermas la kunsidon kaj klarigas la nunan situacion jene: Finfarita estas la revizio kaj la esperantlingva alfabetigo de ĉiuj terminoj komunaj al LTF kaj la kvinlingva UIC-terminaro. Nuna tasko estas la kompletigo de tiu terminkolekto ĝis plena amplekso de la UIC-terminaro. La pretaj tradukoj estas iom pli ol la duono de la 7640 terminoj troveblaj en la UIC-terminaro, sed la kompletigo montriĝis relative rapide farebla laboro. Ĝis la jarfino 1959 tio supozeble estos farita. Bazo de ĉiuj tradukoj estas la Plena Vortaro plus Suplemento. La ĝis nun pretajn tradukojn ricevis ĉiuj kunlaborantoj kiel manuskripton. Ne estas antaŭdireble, ĉu fariĝos necese, denove provizore dissendi la kompletigan terminliston, aŭ ĉu la Esperanto-germana eldono de nia terminaro aperos tiel frue, ke la kunlaborantoj povas ĝin uzi, eventuale en speciala forma kun nur esperantlingva kolono kaj libera spaco apude.

La diverslandaj kunlaborantoj aŭ ties anstataŭantoj raportas pri la stato de siaj laboroj.

**Nederlando:** Anstataŭanto de s-ro Labordus sciigas, ke 2000 el la ricevitaj terminoj estas tradukitaj en la nederlandan lingvon.

**Danlando:** Anstaŭanto de s-ro Christoffersen laŭtlegas ties raporton. Sisteme oni tradukas ĉiun Esperanto-terminon en la danan lingvon kaj skribas samtempe du slipojn por ĉiu: unu por la E-dana eldono kaj unu por la dana-E-eldono.

**Jugoslavio:** Ĉirkaŭ 2000 terminoj estas tradukitaj laŭ la vortoj de s-ro Sekereŝ kiu krome instigas, ke ĉiu landa komitatano sendu jarraporton dum marto al la ceteraj membroj de la TK. Necesas adresaro.

**Svislando:** S-ro Walder diras, ke aparta laboro ne necesas por sia lando, sufiĉos la germana eldono kun aparta signo (S) ĉe la specife svisaj terminoj, krome la itala kaj franca eldonoj.

**Bulgario:** Anstataŭanto de s-ro Pisarow diras, ke oni ne jam komencis la praktikan laboron, mankas la necesaj vortaroj.

**Svedujo:** S-ro Olsson informas, ke kvar kolegoj diversfakaj laboris kaj pretigis jam 3000 terminojn. Grava perdo estis la morto de la plej aktiva kunlaboranto dum marto 1959.

**Francujo:** S-ro Blondeaux skribe prezentis 4 proponojn:

1e) Ni agnosku kiel lingvan bazon la grandan vortaron (1957) Esperanto-francan de Prof. Waringhien, kaj la Plenan Vortaron (1934) kaj Suplementon (1954) de S.A.T.
Oni decidas post diskuto: lingva bazo por la terminaro restas la Plena Vortaro plus Suplemento, sed la neologismoj necesaj estu ĉerpataj el la granda vortaro E-franca de prof. Waringhien E-lingvaj difinoj por ili estu aldonata en la terminaro. La necesan revizon de la ĝis nun tradukitaj terminoj sur tiu bazo faros s-ro Blondeaux en kunlaboro kun s-ro Ritterspach.
2e) Ni definitive rezignu pri la malnova fervoj-teknika leksikono (FTL) kaj tuj transiru al la tradukado de la kvinlingva UIC-terminaro, eldonita 1957. Akceptita kaj praktike jam farita.
3e) Ni elektu skrib-manieron por faciligi al eksteruloj kaj novuloj la komprenon de nia eldonota leksikono.
La diskuto ne montras esencan avantaĝon de la proponita sistemo. Oni ne decidas, antaŭe interkonsiliĝi kun prof. Waringhien.
4e) IFEF estu pli singardema pri la enhavo de siaj leteroj sendotaj al oficialaj instancoj fervojaj, precipe al UIC.
TK rekomendas ke la IFEF-estraro nur post interkonsiliĝo kun s-ro Blondeaux aŭ s-ro Ritterspach menciu la terminaran laboron.

La propono de s-ro Sekereŝ, sendi jarraporton pri la terminara laboro de ĉiu lando al ĉiu lando dum la monato marto estas akceptata. La necesa adreslisto estas disdonata post la kunveno al la reprezentitaj landoj, al la ceteraj ĝi estos sendata.
Laŭ instigo de s-ro Blondeaux la TK rekomendas, ke estonte la Komitat-kunsidoj okazu antaŭ la ĝeneralaj laborkunsidoj, kaj ke konciza raporto pri la laboro de la Komitatoj estu prezentata dum laborkunsido.

Ritterspach

## KONGRES-FOTOGRAFAĴOJ:

Diversaj fotografaĵoj interesaj estas mendeblaj ĉe S-ro J. Giessner, Bahnhof Elze (Han), Germanio. Temas pri:

n-ro 1/38 akcepto de la delegitoj ĉe la prez. de la ÖBB-direkcio Linz.
n-ro 1/39 kiel 1/38 sed pli da personoj.
n-ro 2/1A klubsalono de la Linzanoj kun la delegitoj.
n-ro 2/9A tabulo kun la infandesegnaĵoj el Japanio.
n-ro 2/18A LKK en Bad Ischl post la dekoracio flanke de S-ro Mollion.
n-ro 2/27A akcepto de la delegitoj ĉe la ĝeneraldirektoro de ÖBB.

Por la mendoj sufiĉas la indiko de la ĉisupraj numeroj.
Prezo po ekzemplero = 0.30 GM. ne forgesu aldoni respondkuponon por la afranko. Aliokaze neniuj bildoj povos esti sendataj. Estas rekomendinde kolekti plurajn mendojn. Aparta korespondado ne estas ebla pro tempmanko.

## EL LA REDAKTEJO.

Al s-ro O.W. en Romanshorn mi konfirmas la bonan ricevon de la du kliŝoj por la frontpaĝo de nia organo.
De s-ro J.L. en Utrecht mi ricevis kelkajn kongresfotojn, pro kiuj mi kore dankas. Tiun, kun la IFEF-emblemo mi konservos por konvenokaze presigi en L.I.F. Ĝi ja restas aktuala.
La kliŝon de s-ro G.R. en Bammental mi konservos por la de li menciita celo.

## 200.000 ALĜERIAJ RIFUĜINTOJ.

Jam dum 4 jaroj, forpelitaj, de milito, miloj da alĝeriaj rifuĝintoj el siaj hejmaj urboj kaj vilaĝoj. Piede, kun siaj malmultaj havaĵoj, ili venadas kun la tuta parencaro (virinoj, infanoj, maljunuloj) por serĉi sekurecon en Tunizio kaj Maroko. Ili perdis ĉion.
Tuj kiam ili forestas de la militteruro, ili haltas en la proksimeco de la limo en malriĉaj regionoj, kie dum la vintro estas malvarmege, kaj kie dum la somero la „Sirocco", la varmega dezertventego blovas.

150.000 rifuĝintoj estas sen loĝejoj. Ili nur havas 400 tendojn por la malsanuloj.

Multaj homoj el la tuta mondo helpis ilin en la pasinta vintro; sed nun la vestoj fariĝis ĉifonoj; la litkovriloj estas ŝiritaj.
Al ili mankas nutraĵoj; la malsato minacas konduki al epidemioj, kiel neevitebla sekvo; infanoj mortas grandnombre.

Helpo do estas urĝe necesa. La alĝeriaj rifuĝintoj bezonas:

1 Vestojn por ŝirmi sin kontraŭ la malvarmeco,
litkovrilojn: almenaŭ 80.000,
ŝtofon: 760.000 metrojn.

2 Medikamentojn
penicilinon kaj antibiotikojn kiel eble plej multe, vitaminojn, kalcion kaj fortigajn rimedojn.

3 Nutraĵojn: monate:

| | | |
|---|---|---|
| grenon | : | 1.900 tunojn, |
| sukeron | : | 195 ,, |
| grason | : | 120 ,, |
| sapon | : | 95 ,, |
| lakton | : | ½ litron tage por ĉiu infano. |

La mizero estas tiom granda, ke nur helpo de ĉiuj homoj en la tuta mondo povas iom mildigi la sorton de la viktimoj. Sendu viajn donacojn al:
Tunizia Ruĝa Duonluno: 1, Av. de Carthage, Tunis,
Maroka Ruĝa Duonluno: 84, Av. Joffre, Casablanca, Maroko,
Alĝeria Ruĝa Duonluno: 94, Rue de Serbie, Tunis.
En la kvina milita jaro la Alĝeria Ruĝa Duonluno apelacias al ĉiuj homoj, organizoj, registaroj, ke ili helpu ĉe ĝia tasko.
Io jam estas farita. La helpo jam estas komencita:
La ,,Service Civil International'' (Servado Civila Internacia), movado de helplaborkampoj, aranĝis en Tunis infandomon nomatan ,,La Marsa'' por 100 de la 60.000 vagantaj, malsataj, korpe kaj spirite neglektataj infanoj.
Oni jam ricevis la monon por aranĝi ĉi tiun unuan domon kaj subteni ĝin dum la unuaj monatoj. Por plua prizorgo la S.C.I. petas helpon.
Vi povas sendi monon por ĉi tiu celo al ,,postcheckkonto (poŝtkonto) VIII 33387'' nome de ,,Service Civil International'', Zürich, Svislando. Aldonu: ,,Infandomo ,,La Marsa'' ''. Ne forgesu tion.
La S.C.I. havas naciajn sekciojn i.a. en Aŭstrio, Belgio, Britio, Danlando, Germanio, Hindujo, Nederlando, Norvegio, Pakistanujo, Svedio, Usono ktp. Demandu (en Esperanto) la adresojn kaj ĝirkontojn de la naciaj sekcioj ĉe la internacia sekretariejo de la S.C.I.: 77, Boulevard Jean Jaurès, Clichy, Francio.

**Esperantistoj.**
Per Esperanto ni sendas ĉi tiun alarmkrion tra la tuta mondo. Faru ion. Sendu helpon. Organizu helpagadojn. Traduku ĉi tiun alvokon en vian nacian lingvon kaj sendu ĝin al ĉiuj gazetoj kaj revuoj kiuj povus enpresi ĝin. Vi faras gravan bonfaran laboron kaj vi utiligas Esperanton.
Bonvolu informi nin pri via aktiveco kaj la rezultatoj.

La estrarano de la Esperanto Rondo ĉe la
Universitato de Amsterdam:
T. R. P. Bijlsma, Sloterkade 187. IV,
Amsterdam-W. Nederlando.

## POSTKONGRESO DE I.F.E.F. EN VIENO.

Pli ol 230 fervojistoj el 17 landoj veturis per ŝipo sur Danubo de Linz tra la fama Wacha. La bonege sukcesinta programo: Akcepto de 250 personoj ĉe la urbestro s-ano Franz Jonas, kiu en fluega Esperanto alparolis la venintojn kaj prezentis sian edzinon, kiu ankaŭ estas esperantistino.

Kort. Kons. Steiner prezentis la estraron de IFEF kaj la komitatojn de Linz kaj Vieno. Prezidanto de IFEF De Jong danke respondis.
Ĉiu el la partoprenantoj ricevis kiel memoraĵon belan albumon pri Vieno kun klarigoj en germana, angla, franca kaj esperanta lingvoj.
Akcepto de la delegitoj kaj komitatanoj ĉe la ĝen. dir. kort. kons. d-ro Maximilian Schantl en ĉeesto de la sindikatestro de la fervojistoj Deputito al Nationalrat Freund. Sekvis rondveturado tra Vieno (Belvedero, Schönbrunn, Kahlenberg) kaj amuzado ĉe „Heuriger" (vinelversejo kun muziko) en Langenzersdorf. Dimanĉe vizito al Internacia Esperanto-Muzeo, de la Imperiestraj Ĉambroj de Hofburg kaj gvidado tra la antikva Vieno.
Lunde veturado al sur Semmering (1000 m alta), reveturo al la antikva urbo Wiener Neustadt, kie en lastjare enaŭgurita „Esperanto-Parko" nun estis enaŭgurata bela Zamenhof-tabulo el granito.
La vicurbestro transprenis ĝin en la ŝirmo de la urbo. La festparoladon faris la Esp-grupestro Gustav Schmied. La kostoj estis pagataj de la restoj de la donacoj por la Zamenhof-Monumento en Vieno.

Hugo Steiner.

## ESPERANTO-GLUMARKO KUN FERVOJA EMBLEMO.

Nia germana sekcio GEFA presigis belan Esperanto-glumarkon.
Ĝi havas grizo/bluan koloron, blankan surpreson, kaj verdan stelon inter la du flugiloj de la fervoja emblemo.
La teksto estas jena: „Esperanto Deine Zweite Sprache", kaj pro tio estas taŭga propagandilo por ĉiuj germanlingvaj landoj.
Interesuloj turnu sin al la Sekretariejo de la Germana Esperanta Fervojista Asocio, Karlstr. 4-6, Frankfurt/M, Germanio.

## ESPERANTO-PROSPEKTO PRI WUPPERTAL.

En Wuppertal estas eldonata la unua Esperanto-prospekto pri tiu urbo, kaj havebla ĉe: Presse und Werbeamt Wuppertal, Germanio.
Petante la prospekton estas nepre necese skribi nur esperante kaj mencii: „Esperanto-prospekto pri Wuppertal".
Ĝi estas belaspekta, tute en Esperanto kaj riĉe ilustrita. Petu ekzempleron.

## GVIDLIBRO DE LA URBO RAVENNA.

32-paĝan riĉe ilustritan Gvidlibron de la urbo Ravenna (Italio) oni povas ricevi senpage mendante ĝin per simpla poŝtkarto al: Esperanto-Grupo Piazza Anita 1, Ravenna, aŭ al: Azienda Autonoma Soggiorno e Turismo Via 13 Giugno, Ravenna, Italio.

## KOMITATO POR FAKPRELEGOJ EN LINZ.

Koncerne la kongresdecidon pri la 6a kongrespropono oni transdonis la solvon de tiu ĉi propono al aparta komitato por fakprelegoj, kiu konsistis el la kolegoj. Giessner, Germanio kiel gvidanto, Bürger, Aŭstrio, Sekereŝ, Jugoslavio, Turbellier, Francio, Walder, Svisio.

La komitato kunvenis post la fakprelegoj en Linz. Ĝi esploris la situacion kaj konstatis, ke la fakprelegoj bedaŭrinde ne estis estimataj flanke de la kongresanoj kiel estus dezirinde. Laŭ la ĝisnuna metodo ne esta eble, kompili kontentigan kaj allogan resumon el la ensenditaj laboroj de la landaj asocioj. Aliaflanke ne ŝajnas oportune, reveni al la malnova sistemo, nome al la laŭtlegado de dek aŭ pli da samtemaj tekstoj. Tio estis tro enuiga kaj ne altigas la nivelon de niaj prelegoj.

La komitato konsentis pri tio, ke

a) estontece la fakprelegoj estu inter la plej gravaj okazaĵoj de la kongresoj,

b) ke ili okazu komence de la kongreso, prefere lundon,

c) nepre ne samtempe estu aranĝata alia kunsido aŭ ekskurso kaj

d) en la organoj de IFEF kaj de la landaj asocioj oni antaŭ la venonta kongreso publicu artikolojn, kiuj atentigos la IFEF-membrojn pri la graveco de niaj fakprelegoj, kiuj, kvankam ne laŭ kvalito, sed laŭsence estas kompareblaj al la Somera Universitato en la Universalaj Kongresoj.

La komitato petis la LKK-on en Helsinki agi laŭ la ĉe-metita kopio.

Se la LKK ne kapablos solvi la taskon, la komitato mem zorgos pro ĝenerale interesa prelego, tradukonta iun allogan tekston el eminenta fakrevuo.

La komitato intencas, elaste agi laŭ la cirkonstancoj, tiel ke la kongresregularo nur estu ŝanĝata, kiam ĉiuj eblecoj ĝisfunde estos esplorataj. Laŭ la spertoj en Helsinki la komitato deziros daŭrigi siajn klopodojn. Pro tio ĝi deklaris sin permanenta komitato kaj nun petas la tiurilatan konsenton de la IFEF - estraro.

Giessner

## EKSPERIMENTO PRI INSTRUO DE FREMDAJ LINGVOJ AL SOVETIAJ INFANOJ.

Pedagogoj havas diversajn opiniojn pri la aĝo, kiam infanoj plej bone eklernas fremdan lingvon. En la lernejoj en Sovet-Unio infanoj kutime komencas studi duan lingvon, kiam ili havas 10 aŭ 11 jarojn.

Ĉi-jare tamen, oni faras eksperimenton pri lingvo-instruo al infanoj pli junaj ol tiuj en lernejoj. Tiu eksperimento okazas en vartejo en la urbo Barnaul, sude de Novo Sibersk en centra Azio.

Dum periodo de kelkaj monatoj la infanoj jam lernis sufiĉe da anglaj vortoj kaj frazoj por kapabli demandi kaj respondi, kaj ili eĉ propra-iniciate verkis anglalingvan teatraĵon, kies bazo estas la rakonto pri la „Tri Porkoj".

Oni instruas al ili la lingvon kiel ian ludon anstataŭ per la kutimaj metodoj. Oni plivastigas la eksperimenton de Barnaul, kaj oni planas malfrue ĉi-jare ekinstrui la germanan lingvon sammaniere al la infanoj en vartejoj.

(Laŭ Unesco-Features kaj UEA-Informservo)

## NI NE SENKURAĜIĜU

Dum nia lasta kaj neforgesebla 11-a IFEF-kongreso en Linz, mi aŭdis amikon plendi dirante: „Ho, nia movado malprogresas, kaj ni certe ne povos vidi ĝian finan venkon!"

Ke ni ne povos ĉeesti la grandan kaj tre sopiritan tagon, tion mi kredas, ĉar ni bedaŭrinde havas la malbonŝancon naskiĝi tro frue, sed mi ne kredas ke nia movado malprogresas, absolute ne! Kvankam malrapide, tamen ĝi progresas, kaj jen la pruvo:
La 1-a kunveno de I.A.E.F. (la nuna I.F.E.F.) okazis en Barcelono la 7-an de septembro 1909, kaj la ĉeestantoj estis 11 dum kiam en nia kongreso en Linz la partoprenantoj estis 486.
En la ĉefkunsido de I.A.E.F., kiu okazis en Helsinki la 14-an de aŭgusto 1922, ties sekretario anoncis ke la I.A.E.F.-organizitoj estas 243, dum la nombro de la IFEF-anoj nuntempe estas pli ol 2000.
Kompreneble ne tro multe, tamen tio ne estas malprogreso, kaj ni devas ankaŭ pensi ke sufiĉe granda nombro da esperantistaj fervojistoj troviĝas ekster nia organizacio. Ni ne devas perdi la kuraĝon, se nia movado antaŭeniras malrapide, ĉar la afero ne konsistas en rapideco, sed en certeco.
Multe da sencelaj aferoj ekbrilas rapide, sed ili ankaŭ rapide malaperis. Afero bona kaj certa progresas ordinare malrapide kaj je grandaj malhelpoj. Finfine pli ol la nombron, ni devas rigardi la kvaliton, kaj pri tio mi volas rakonti al vi epizodon.
Dum la jaro 1923 en italia tagogazeto aperis anonco pri Esperanto-kurso. Juna profesoro, ĝin leginte, diris: „Mi estas scivola scii, ĉu Esperanto vere estas serioza afero", kaj li tuj aliĝis al la kurso.
Je la unua leciono la lernantoj estis tri, dum la dua leciono nur du, kaj dum la tria nur unu. Oni petis informojn pri la forestintoj, kaj oni sciiĝis ke tiuj du estas malsanaj, kaj la kurso finiĝis kun nur unu lerninto.
Spite tion, mi povas diri ke la sukceso estis granda, ĉar tiu ununura lerninto sin nomas: . . . prof. Giorgio Canuto, la nuna prezidanto de Itala Esperanto-federacio kaj prezidanto de U.E.A.
Mi opinias ke superflue estas la aldono de pluraj vortoj pri la supra okazintaĵo.

Zoratti Angelo - Italio.

## EL ALIAJ ESPERANTO-ORGANIZOJ.

La Milana Esperanto-klubo, intencante prepari validan dokumenton por pruvi la praktikan aplikadon de Esperanto en la komercaj rilatoj inter la diversaj internaciaj entreprenoj, projektis kompiladon de Internacia Adresaro de Firmoj, kiuj povas uzadi Esperanton en la interlandaj rilatoj.
Ĉiuj esperantistoj estas invitataj kunlabori por kolekti tiajn adresojn, kaj sendi al: Milana Esperanto Grupo, P.za Oberdan 1, Milano, Italio.

La Esperanto-Societo de Bombaj projektas en la Zamenhofjaro energian kampanjon por disvastigi Esperanton kaj plifortigi nian movadon en Hindujo. Kvankam en la orientaj landoj loĝas la superega plimulto de la homaro, la esperanta movado tie ne estas tre forta, do niaj samideanoj bezonas nian helpon por la planita ekspozicio en decembro.

Oni petas sendi superfluan materialon, kiel librojn, gazetojn, broŝurojn ktp al: Esperanto Societo, 7/A Balgovindas Road, Near Shivaji Park, Mahim, Bombaj-16, Hindujo.

## SAMIDEANO HUGO STEINER DISTINGITA.

La 26-an de majo la plej altranga ambasadora konsilisto Constantin von Dziembowski, en ĉeesto de du diplomataj gesinjoroj kaj la filo Ministeria Konsil. Dro Lothar Steiner, transdonis al Kortega Konsilisto Hugo Steiner la al li, flanke de la prezidanto de la Ligorespubliko Germanujo dediĉitan altan ordenon, kiel rekono por la gravaj servoj, kiujn li dum jardekoj faris pere de Esperanto al la popolinterfratiĝo kaj la paco, kaj por la fondo de Internacia Esperanto-Muzeo.

La IFEF-estraro tutkore gratulas samideanon Hugo Steiner pro tiu grava distingo, kaj ĝi esperas ke li ankoraŭ dum multaj jaroj povos dediĉi siajn forton kaj tempon al sia ŝatata laboro por Esperanto.



## ESPERANTA GAZETARSERVO.

La oficistoj en Bulgario ricevas salajroaldonon de 10 % kiam ili posedas diplomon pri fremda lingvo, se tiu estas uzata en la oficejo en kiu ili laboras. Al tiuj lingvoj nuntempe ankaŭ apartenas Esperanto, kaj la unua grupo, kiu sin submetis al ekzameno, konsistis el unu el la gvidantoj de la Radiostacio Sofia, la redaktoro de la humorista revuo „Stârŝel" kaj la teknika redaktorino de „Nuntempa Bulgario".

„Fermentary" la plej grava verko de Carlos Vaz Ferriera, konata Uruguaya pensulo, estas tradukata en Esperanton de Prof. E. F. Menendez.

Per si mem tio ne estas grava novaĵo, sed fakto estas, ke ni Esperantistoj post kelka tempo povos ĝui tiun tradukaĵon.

Kie restas tiurilate la profetoj, kiuj laŭdas la t.n. modernajn lingvojn? Nia esperanta literaturo jam fariĝas trezorejo en kiu la juveloj amasiĝas. Se iam Esperanto devige estos instruata, ni ne bezonos fari al ni zorgojn pri la literaturo por Altlernejo, Gimnazio kaj Universitato.

En Beogrado stariĝis la 25-an de decembro la unua Oficiala Esperanto-teatrogrupo, konsistanta el profesiaj artistoj kaj teknikistoj.

Ili esperas por la unuafojo prezenti sin en majo, okaze de la Jugoslavia Esperanto-Muzikfesto en Opatija kaj ankaŭ dum la U.E.A.-kongreso.

Oni prezentos „La Suspektito" de Branislaw Nuŝiĉ, tradukitan de Antonye Sekelj. La sama teatraĵo jam estis prezentata de amatoroj en la 29-a Satkongreso.

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando.